# PENSEO

*N-ro 148*

*Feb./2004*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski, 1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm**


Zhu Ziqing (1898-1948)



## Printempo

Oni sopiras kaj sopiras, kaj finfine alvenas la sopirata orienta zefiro kaj aŭdiĝas la paŝoj de printempo.

Kvazaŭ ĵus vekiĝinte el dormo, ĉiaĵoj ĝoje malfermas siajn okulojn. Montoj brile humidiĝas, riveroj ŝveliĝas kaj la vizaĝo de la suno ruĝiĝas.

Herboj nerimarkite elŝovas sin el la tero, june verdaj. En la ĝardenoj, sur kampoj vidiĝas vastaj tapiŝoj el ili, sur kiuj oni aŭ sidas aŭ kuŝas aŭ ruliĝas aŭ ludas piedpilkon aŭ vetkuras aŭ faras kaŝludojn. La vento mildas, la herboj molas.

Persikarboj, abrikotarboj kaj pirarboj, konkurante unuj kontraŭ aliaj, ekpompas per diverskoloraj floroj:. la ruĝaj similas fajron, la rozaj matenruĝon kaj la blankaj neĝon. La floroj elspiras dolĉan guston. Kun okuloj fermitaj, oni kvazaŭ sentas, ke persikoj, abrikotoj kaj piroj jam plene pendiĝas sur la arboj. Ĉirkaŭante la florojn zumas centoj kaj miloj da abeloj kaj flirtas papilioj grandaj kaj malgrandaj. Ĉie kreskas sovaĝaj floroj diversspecaj, konataj kaj nekonataj, kaj ili punktas la herbojn kvazaŭ okuloj aŭ steloj palpebrumantaj.

"Ne frostas la zefiro de primavero."Vere kiel la karesantaj manoj de l' patrino, la venteto alportas la odoron de la ĵus plugita tero, kaj aromon de verdaj herboj kaj diversaj floroj, la miksitan bonodoron, kiu flosadas en malseketa aero. La birdoj nestiĝintaj inter riĉaj floroj kaj junaj folioj ĝoje ĉirpas klarvoĉe por alvoki siajn amikojn kaj kunulojn, kaj ilia melodia kantado eĥas kun la karesanta zefiro kaj murmura rivero. Kaj ankaŭ la flutetoj de bovpaŝtistetoj klare sonoradas tuttage dum ĉi tiu tempdaŭro.

Pluvo estas kutima vizitanto kaj, se ĝi alvenas, ĝi ofte restadas por du aŭ tri tagoj. Sed tio ne ĝenas. Jen, ĝi falas kiel aŭ bovaj haroj aŭ floraj filamentoj aŭ delikataj silkoj, dense kaj oblikve kunteksitaj, kaj vualas la tegmentojn per nebulo malpeza. La folioj de arboj tamen brile verdas. Kaj la herbetoj verdas okulpike. Vespere kiam ekbrilas lampoj, la haloa flava lamplumo reliefigas kvietan pacan nokton. En la kamparo, senhaste paŝas homoj tenante pluvombrelojn sur vojetoj aŭ ĉe ŝtonpontoj; surkampe ankoraŭ vidiĝas laborantaj kampuloj surhavantaj junkmantelojn kaj bambuajn ĉapelojn. Iliaj kabanoj, lokitaj maldense, tenas sin silentaj en pluveto.

Iom post iom multiĝas kajtoj sur la ĉielo kaj ankaŭ la infanoj sur la tero. Tiel en la urbo kiel en la kamparo, junuloj kaj maljunuloj konkure venas el la domoj, por ke ili povu movigi siajn muskolojn kaj ostojn, vigligi sian spiriton kaj poste iri al siaj propraj okupoj. "La laboro de la tuta jaro dependas de bona komenco en printempo." Ĉar ĉio ĵus komenciĝis, oni povas disponi je sufiĉe da tempo kaj kovi sufiĉe da espero.

Printempo, kiel novnaskita bebo, nova trakorpe, kreskas kaj kreskas.

Printempo, kiel bele vestita knabino, ridante piediras.

Printempo, kiel fortika junulo kun feraj brakoj kaj gamboj, gvidas nin antaŭen.

elĉinigis Zhu En

**Bunmi Osho-Davies**



## Chongqing

Ho Chongqing vi estas kara
Per beleco vere rara
Vi allogâs al vi homojn
Kaj al ĉiuj provizas domojn
Por pruvi vian gastemon.

Tre riĉa en grandaj montoj
Riveroj kun belaj pontoj
Ho Chongqing, jen via gloro
Kaj el mia tuta koro,
Mi ĉiam meditos pri vi.

Longe post forpaso mia
Kiam al mi mankos fort'ia
Restos ankoraŭ via glor'
Kaj antaŭ aliaj pasos for
Ili same kantos pri vi

16.02.2004

***Bunmi Osho-Davies estas Niĝeria esperantisto, kiu laboras en Chongqing**

*Nigra Okulo*



## Nia Rajto

Nia Rajto

Antaŭnelonge eksterlanda E-junulo nomata T, kiu studas en alia urbo de Ĉinio, vizitis Pekinon. Mi akceptis kaj akompanis lin rigardi la nepitoreskan urbon Pekinon. Ni diskutis pri Esperantaj aferoj, kaj fine li ĉeestis en renkontiĝo de nia E-asocio, kiu okazas regule ĉiumonate.

La ĉeestintoj pliparte estas maljunuaj veteranaj e-istoj. Krom T kaj mi, ĉeestis ankaŭ kelkaj junaj E-komencantoj.

Ĉiuj estas afablaj al la T, oni faris demandojn al li, kaj li sincere respondis. Troviĝas jenaj demandoj, faritaj de maljuna kaj veterana e-isto, kies famo estas tra la mondo.

"Kiel vi opinias pri tio, ke nunaj junuloj ŝatas kolorigi sian hararon?"

T respondis, "Mi ja ne ŝatas tion. Sed kolorigi aŭ ne kolorigi sian hararon, oni rajtas elekti libere, ni ja estas libera je tio. Aliaj ne rajtas intervenis alies personan vivon."

La veterana e-isto plu demandis malgaje, "Sed oni devas zorgi pri alies sento, ofte la kolorigita hararo pikas niajn okulojn, ĉu ne?" Mi sentis lian demandon iome trudema.

T respondis, "Sed oni ja rajtas kolorigi sian hararon..."

Je tiu demando, mi volas redemandi al la

veterana e-isto, “La malbela, malbunta vestaĵo de maljunuloj pikas miajn okulojn, do vi vestu sin per kolorplena vestaĵo, kaj kolorigu vian hararon ruĝa, flava aŭ verda... Kiel vi opinias pri mia propono?”

Ĉu ni junuloj ne rajtas postuli tion al maljunuloj, dum la muljunuloj faras samon al ni?

Troviĝas profunda fosaĵo inter junuloj kaj maljunuloj nuntempe. Tiun fosaĵon produktis la rapida progresado de socio. La fosaĵo kaŭzas malharmonion inter diversaj konceptoj de homoj el malsamaj epokoj.

Troviĝas ankaŭ profunda fosaĵo inter popoloj de malsamaj lokoj, nacioj, rangoj... kaj eĉ seksoj. Ĉiuj sentas sin plej ĝustaj. Tamen fakte ĉiuj estas plej malĝustaj. La ĝusteco ne estas certigebla inter malsamaj popoloj. Ni devas konscii, ke nia propra koncepto ne estas certe ĝusta al aliaj personoj. Unue pripensu alies koncepton malsaman, kaj poste ni rajtas akcepti aŭ kontraŭi la konceptojn. Sed neniu rajtas altrudi sian koncepton al aliaj.

2003.12.31

# Fasko da Poemetoj

## *Eta Princo*

I

Vi dancas en mia koro
en la sango
per varmaj vortoj
mi gravurigis vin
ene de mi
por neniam perdi
vian rideton
ĉarman

II

Inter ni
spiko de l’ amo
brakumata per oraj lumfaskoj
mute maturiĝas.
La nokto daŭras
ĝis la paliganta mateno.
Per sonĝoj de l’ arbo-folioj
aŭtuno venas
plena de l’ flavaj semoj
Kaj AMI — ne indikas malaperon

III

Ho Dio
Kial Vi donis al mi la koron
varman kaj teneran
anstataŭ malmolan ŝtonon.
Kial mi plenas de Viaj misteroj
kaj sango iĝas vino de l’ pasio
kaj la vino ŝanĝiĝas en flamo de l’ amo
Ho Dio!
Mi ne komprenas
ĉu mi Via infano
aŭ diabla bebo

IV

Ne venu al mi dum suna mateno
Kiam la rozoj ekfloras ĝardene
Ne venu al mi dume sunas
ĉar vian vojon
barkti povas
la ombro peza kaj malpura
de ŝtono.
Sed venu al mi dum krepuskiĝas
dume aŭtuno foliojn pentras
antaŭ la vintro tero paliĝos
printempon festos ni por ĉiam.
Ne venu al mi dum feliĉtagoj
kiam per manoj koro florojn plukas
sed venu al mi dume malĝojo

Tiam ni ambaŭ vekiĝos pasion.

V

Kiom mi dezirus dismeti
miajn harojn
sur via brusto
Via haŭto tiom mola, plezura
freŝe aromas
Mi revas pri vi kiam krepuskiĝas
kaj vi alvokas min sopirplene
Neniam mi perdos la vojon,
kie kviete vi promenas
atendante min
Ho AMO mia

# Kantvoĉo

En oktobro de 1920, sur la maro proksime al okcidenta bordo de Stranraer de Britio okazis karambolo de ŝipoj sur la peĉe nokta vualo. La eta Vaporŝipo Lova koliziiĝis kun pasaĝerŝipo, kiu estis granda pli dekoble ol la vaporŝipo. El 104 homoj sur la ŝipoj, 11 stevardoj kaj 14 pasaĝeroj malaperis senspure.

Franko Makine, la inspektoro de Ellison Internacia Asekurkompanio, estis ĵetita el sub la ŝipo kaj baraktadis en nigraj ondoj. Kial la savboato ankoraŭ ne alvenas nun? Li sentis lin agonianta.

Iom post iom helpkrioj kaj plorvoĉoj malfortiĝis ĉirkaŭ li, kvazaŭ ĉiaj estaĵoj estus vorita de ondoj. Morta silento etendiĝis ĉirkaŭen. Ĝuste en la terura silento, subite — neatendite, albloviĝis melodia kanvoĉo, ina kantvoĉo sen ajna detoniĝo kaj sen ajna tremiĝo. Ŝajnis, ke la kantanto aplombe donas prezentadon antaŭ granda spektantaro.

Makine tenis sin trankvila por aŭskulti kaj baldaŭ absorbiĝis en la kantado. Neniu psalmado en preĝejoj estas tiel elegantaj nek famaj solistoj povas kanti tiel melodie. Malvarmo kaj laco tuj foriris el lia korpo kaj lia animstato tute revenis al trankvileco.

Li naĝis laŭ la direkto de la kantvoĉo. Kiam li alproksimiĝis, li vidis grandan rondan ŝtipon flosanta tie, kiu eble elĵetiĝis kiam la vaporŝipo sinkis. Ĝin alkroĉis kelkaj virinoj, el kiuj tre juna fraŭlino kantis. Kvankam ondegoj frapis sur ilin, ŝi senĉese kantadis aplombe. dum ili atendis la alvenon de savŝipo, ŝi pliigis al aliaj spiriton kaj forton, por ke la virinoj ne perdu sian forton nek delasu la rondan ŝtipon pro malvarmo kaj malatento.

Samkiel Makine alnaĝis tien pere de la kantvoĉo de la faŭlino, ŝipo, ankaŭ pere de la bela kantvoĉo kiel navigilo, alproksimiĝis tra mallumo. Fine saviĝis Makine, kantintino kaj aliaj virinoj.

La sekvantan tagon aperis en ĵurnalo la artikolo titolita je *Aventuro de Makine.* Tamen la bedaŭrindaĵo estis, ke oni ne scias la nomon de la kantanta junulino. Sed, eĉ se oni ne scias ŝian nomon, ĉu ŝia bela kantvoĉo ankoraŭ reeĥas ĉe niaj oreloj? La kantvoĉoj en koncerto tuj elvaporiĝas sur la scenejo, dum ŝia kantvoĉo neniam malaperis.

elĉinigis *Long Lu*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_